# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

30a jaro | MARTO-APRILO 1978 | N-ro 2



*Pompei — La forumo.*

## KONGRESLANDO 1980

Ĝis nun, nenia propono alvenis por organizi la kongreson de IFEF en 1980 . . . kaj, dum la kongreso en ROMO, ni devos anonci inviton por la kongreso post Turku (Finlando - 1979).

Ni tre petas ĉiujn landajn sekciojn, speciale tiujn kiuj jam de longe ne organizis IFEF-kongreson bonvoli tre serioze studi tiun problemon kaj esti pretaj respondi al nia alvoko.

Por via rememoro, bonvolu legi la ĉi-suban liston de la pasintaj kongreslandoj.

**IFEF-KONGRESOJ:**

| | | |
|---|---|---|
| 3 foje: | Aŭstrio | — (1950, 1959, 1975) |
| | Danio | — (1949, 1958, 1973) |
| | Italio | — (1954, 1970, 1978) |
| 2 foje: | Britio | — (1963, 1977) |
| | Finlando | — (1960, 1979) |
| | Francio | — (1951, 1969) |
| | Germanio | — (1952, 1967) |
| | Hispanio | — (1961, 1974) |
| | Jugoslavio | — (1957, 1971) |
| | Nederlando | — (1953, 1966) |
| | Svedio | — (1956, 1976) |
| | Svisio | — (1955, 1972) |
| 1 foje: | Belgio | — (1964) |
| | Bulgario | — (1968) |
| | Hungario | — (1962) |
| | Norvegio | — (1965) |

ne ankoraŭ: Ĉeĥoslovakio — Polujo — Rumanujo — Japanujo.

Kie okazos la 32-a ? ? ?

*Estraro de IFEF*

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# LA 30-a IFEF-KONGRESO EN ROMA (ITALIO)

## 13a - 20a de majo 1978.




**Konstanta kongresa adreso:**

30-a Esperanto-Kongreso de IFEF
ĉe Dopolavoro Ferroviario di Roma
Via Bari 22 - I 00161 ROMA.

**LOĜADO:**

| | | ĉambro tri/dulita | ĉambro unulita |
|---|---|---|---|
| En kongresejo "Domus Pacis" (aŭ "Domus Mariae") (kompleta pensiono por 7 tagoj, komence de la tagmanĝo de 13.5; ekskluzive de la tagmanĝo de 18.5, kiam oni ekskursos) | ud | 117,– | 125,05 |
| | sf | 273,50 | 292,30 |
| | L. | 102.000,– | 109.000,– |
| En hotelo "Midas Palace" (unuaklasa) por 7 tagoj (tranoktado, matenmanĝo, impostoj) | ud | 96,60 | 131,60 |
| | sf | 230,– | 314,– |
| | L. | 84.000,– | 114.000,– |
| En hoteloj "Consul" aŭ "Imperator" (duaklasaj) (tranoktado, matenmanĝo, impostoj) | ud | 84,– | 100,35 |
| | sf | 200,– | 263,– |
| | L. | 73.000,– | 96.000,– |

**EKSKURSOJ:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 14.5 | urba rondveturado | ud | 4,– |
| | | sf | 9,50 |
| | | L. | 3.000,– |
| 15.5 | internacia balo | ud | 5,75 |
| | | sf | 13,43 |
| | | L. | 5.000,– |
| 16.5 | vizito de la vatikanaj Ĝardenoj kaj Muzeoj | ud | 8,50 |
| | | sf | 20,20 |
| | | L. | 7.500,– |
| 18.5 | tuttaga ekskurso kun tagmanĝo | ud | 21,30 |
| | a. etruska ekskurso aŭ | sf | 50,– |
| | b. Viterbo-Bagnaia-Bomarzo | L. | 18.500,– |
| | c. Tivoli kaj montetoj ĉirkaŭ Romo | ud | 19,50 |
| | | sf | 45,60 |
| | | L. | 17.000,– |
| 19.5 | nokta urba rondveturado kun vizito al nokto-klubo | ud | 14,90 |
| | | sf | 34,90 |
| | | L. | 13.000,– |

# PRIKONGRESAJ INFORMOJ

**Vatikanaj Muzeoj kaj Ĝardenoj**

La ĝardenoj etendiĝas ĉe la Vatikana muzeo, inter la Papaj palacoj kaj la remparoj de la Leona urbo.
La Papaj Muzeoj kaj Galerioj en Vatikano konsistigas aron de eksterordinara graveco pro la riĉeco kaj valoro de la tie kunigitaj verkoj.
Indas apartan mencion:
– La Belvedera-korto;
– La Galerioj de Mapoj kaj Kurtenoj;
– La Ĉambroj kaj Loĝioj de Rafaelo;
– La Sista Kapelo (Cappella Sistina).

**Etruska Ekskurso**

La ekskurso etendiĝos per vojo Aŭrelia, Ĉervéteri, Santa Marinella, Ĉivitavekja, Tarkùinja, kaj reiro denove per vojo Aŭrelia. Oni vizitos Ĉervéteri (la antikva CAERE) kun ĝiaj famaj Etruskaj Tombejoj. Ĉivitavekja la plej granda haveno en Regiono Lacjo, al kiu alvenas ĉiuj ŝiplinioj el Sardenja. Tre bela estas la Mikelanĝela Fortikaĵo. Tarkŭinja, sidejo de grava arkeologia muzeo kaj fama pro sia etruska Tombejo.

**Ekskurso al Tivoli kaj Romaj Kasteloj**

La ekskurso etendiĝos per vojo Tiburtina kun vizito al Tivoli kaj al ĝiaj Vilaoj Adriana kaj d'Este, al Fraskati, Grotaferata, Marino, Vojo de la lagoj, Kastelgandolfo kaj reveno per vojo Apja. Oni vizitos, la jam nomitajn vilaojn Adriana kaj d'Este. La unua ekkonstruita fare de la imperiestro Adriano en la 135-a j.p.K. En ĝia Muzeo oni kunigis la skulptaĵojn kaj arkitekturajn ornamaĵojn trovitajn okaze de la lastaj elfosaĵoj. Vilao d'Este konsistas el la tiel nomitaj Malnova kaj Nobela Loĝejoj kaj el la mirinda ĝardeno kun ĝiaj pli ol 500 fontanoj.
Romaj Kasteloj estas posedaĵoj de la Papoj aŭ de Romaj nobeloj en tiu Regiono. Inter ili nomindaj estas:
– Fraskati, konata pro sia Katedralo kaj pro siaj Vilaoj. Ĝi donis nomon al fama bongusta vino.
– Grotaferata, fama pro la samnoma abatejo, pro siaj remparoj, turoj kaj fosaĵoj.
– Marino, feŭdo de familioj Orsini kaj Kolona. Nun ĝi estas grava vinprodukta centro.
– Kastelgandolfo. En ĝi estas la Papa Palaco, kie loĝas la Papo dum somere.

La ekskurso al Viterbo, Banjaja kaj Bomarco ne okazos pro ne sufiĉa nombro da interesuloj. Se iu dezirus private viziti tiujn lokojn, norde de Roma, mi iomete klarigas ilin:
– Viterbo, ĉe la piedoj de la montoj "Cimini", origine Etruska kaj poste Romia kolonio. Ĝi estas grava agrikultura centro kaj tre rimarkinda arta urbo pro sia mezepoka eco, pro multaj monumentoj kaj pro belaj fontanoj kiuj ornamas ĝiajn placojn.
– Banjaja. Beleta, pentrinda vilaĝo konsistanta el mezepoka parto kaj el pli moderna parto, konata pro la fama Vilao LANTE.
– Bomarco, fama pro la "Monstro-Parko" (Parco dei Monstri = gigantaj statuoj de bestoj, nimfoj kaj satirusoj).
La manĝo en la Kongresejo "DOMUS PACIS" eblas por ĉiuj.
Rilatoj kun Parlamentanoj: naskiĝis, la 18-an de januaro, la parlamenta grupo "AMIKOJ DE ESPERANTO". Tiuj parlamentanoj fariĝis Honora Komitato de la Kongreso.
Rilatoj kun Sindikatanoj: okazis antaŭ kelkaj tagoj (sekve de la naskiĝo de la

supre dirita parlamenta grupo) oficialaj kontaktoj kun la faka sindikato ("SAUFI=CISL") kaj kun la ĝenerala konfederacio "CISL" al kiu ĝi aliĝis. Ŝajnas ke ambaŭ intencas moviĝi en nacia kaj internacia kampoj.

## ARTFILATELAJ FOLIOJ ELDONITAJ OKAZE DE LA 30-a IFEF-KONGRESO

Por la filatelistoj kaj ankaŭ por aliaj interesuloj, okaze de la 30-a IFEF-Kongreso en Roma oni eldonas artfilatelajn foliojn kiuj enhavos la emblemon de la kongreso kaj mallongan Historion de IFEF-Movado.
Tiuj Artfilatelaj folioj presigitaj sur luksa papero kaj sur silko, ricevos la porokazan poŝtstampon de la Kongreso kiu estos lunde la 15-an de majo 1978-a. (grava).

La artfilatelaj folioj havas formaton 20 x 25 cm kaj sur ĝi oni povos alglui krom la poŝtmarkoj ankaŭ la glumarkon de la Kongreso.

L.K.K.

## LASTMOMENTE

**Fervojaj Biletoj**

La fervojajn biletojn oni devas peti de la landlimoj ĝis NAPOLI (por la postkongreso) tra ROMO.

**Aliĝantoj**

Ĝis la 19.2. aliĝis 291 el 16 landoj.

Por aliaj informoj, bonvolu relegi la antaŭajn numerojn de IF kaj la aliĝilon. La PROGRAMON de la kongreso vi legos sur la paĝo 18.



*Placo de la Kapitolo.*

# PROGRAMO DE LA 30a IFEF-KONGRESO EN ROMO – 13a - 20a DE MAJO 1978

| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Vendredo 12.5. | | | | | | | | gazetara konferenco | | | estr. LKK kunsido | | | | | |
| Sabato 13.5. | | | | | | | | | | | | | interkona vespero | | | |
| Dimanĉo 14.5. | di-servo | | inaŭguro | | | | urba rondveturado | | | | | | | | | |
| Lundo 15.5. | 1a kunsido (nepublika) | | | fakprelego / historia komisiono | | varbado komisiono I | | | terminara komisiono I | | | | teatra vespero | | | |
| Mardo 16.5. | | vizito al la vatikanaj muzeoj | | | | | terminara komisiono II | | varbado komisiono II | | | | internacia balo | | | |
| Merkredo 17.5. | | 2a kunsido (publika) | | | | | fakprelego | | | | | | forumo | | | |
| Ĵaŭdo 18.5. | tuttagaj ekskursoj | | | | | | | | | | | | | | | |
| Vendredo 19.5. | | terminara komisiono III | | varbado komisiono III | | | publika kunsido | | | fermo | | | | vespera rondveturado | | |
| Sabato 20.5. | forveturo al Napoli | | | | | | | | | | | | | | | |

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1977

(Bonvolu kompletigi la raporton per respektivaj publikaĵoj el "Internacia Fervojisto". Laŭeble ni donos necesajn indikojn.)

## Niaj mortintoj

En jenaj landoj ni perdis membrojn:
Aŭstrio: Franz Baumgartinger, Alois Angermayer.
Belgio: Camille Boogaertz
Ĉeĥoslovakio: Bohumil Král.
Danio: N.C. Thorstedt
Francio: André Mahy, Christian Poulain.
Germanio: Franz Müller, Friedrich Hahn, Friedrich Röder, Günter Pawlik, Willi Röder, Erich Schultz.
Italio: Giovanni Gaddoni, Martino Faggioli, Angelo Zoratti, Giovanni Carciolto.
Jugoslavio: D-ro Ante Gropuzzo.
Nederlando: Johan Pieter Hogeweg, H. v.d. Wal.

## Membrostato (IF 1/78)

La evoluo de la membrostato kontraŭ ĉiuj esperoj kaj spite al streĉoj de unuopaj landoj ne kaŭzas kontentecon. Male, komparante la ciferojn de la lastaj tri jarfinoj, oni devas konstati konstantan malkreskon de 2986 al 2841. Ĉi-foje la ĉefaj perdoj troviĝas en Svedio kaj Svisio, krome ne plu ekzistas la kvazaŭ fikcia kategorio "adoptitaj membroj", kvankam la 20 membroj sub "Rumanio" praktike estas adoptitaj, ĉar ne jam eblis akiri kotizojn el tiu lando. Ankaŭ la ceteraj orientaj landoj (krom Hungario) kaŭzas al ni vere grandajn zorgojn. Kiel ni jam lastfoje alludis, en Bulgario estis devizaj malfacilaĵoj, kiuj intertempe tiel akriĝis, ke praktike nia tiea landa asocio ne plu rajtas ekzisti. Tio signifas, ke ĉiuj bulgaraj membroj perdiĝos el la statistiko (komparu ankaŭ sub "Laborplano"). Lastan fojon ili rajtis pagi por 1975. La fakta membronombro do devus esti 2731. Seniluziiga afero por ĉiuj, kiuj de jaroj atendis atingon de 3000. Kompreneble la homoj,kiuj dezirus esti membroj, ja ekzistas. Sed al la kaso tio ne utilas.
Ankaŭ la ĉeĥajn kotizojn jam de jaroj ni nur povas akiri, kiam okcidentlandano foruzas la monon, kiu troviĝas en ĉeĥa banko, en Ĉeĥoslovakio mem kaj poste pagas la kontraŭvaloron al la IFEF-kaso. Pro tio ni petas ĉiun IFEF-anon, kiu intencas vojaĝi al Ĉeĥoslovakio, anonci sin antaŭe al la IFEF-kasisto.
Tiu analizo montras, ke eĉ se multaj landoj sekvos la gravan alvokon de la franca prezidanto Robiolle, fariĝos treege malfacile, eĉ nur alproksimiĝi al la sopirata cifero 3000.

## **Honorigoj** okaze de la 29a IFEF-kongreso

Nova membro de Honora Patrona Komitato fariĝis:
S-ino Marjorie Boulton, doktorino ĉe la universitato Oxford (16.5.).

Honoraj membroj de IFEF estas nomumitaj la 14.5.:
Germano Gimelli (I)
J. J. Labordus (NL)
Jaromír Řebíček (CS).

La arĝentan medalon de la FISAIC ricevis la 14.5.:
Horace Barks (GB)

## Interna Korespondado

En 1977 la nombro de forsenditaj korespondaĵoj en la sekretariejo ampleksis 464 kaj alvenis 501, al kiuj aldoniĝas la korespondaĵoj de la ceteraj estraranoj. Krome alkalkuliĝas impona amaso de revuoj legendaj en la estraro.

## Ekstera Agado

La estraro laŭstatute kunvenis dufoje, nome en marto en Karlsruhe (D), fine de novembro en Rendsburg (D). La estraranoj vizitis diversajn landajn asociojn, precipe la jarkunvenojn, sed ankaŭ aliajn okazintaĵojn. La prezidanto estis en Bydgoszcz (PL), Saarbrücken (D) kaj Mechelen (B), la vicprezidanto en Stoke (GB) por kongrespreparoj, en Mechelen (B) kaj en Saarbrücken (D). La sekretariino en Stoke (GB) (antaŭpreparo), en Mechelen (B), en Saarbrücken (D), en Linz (A), en la Grande Motte (F). La redaktoro en la Grande Motte (F).

## Laborplano

- La Terminara Komisiono sub gvidado de Sekereŝ kunvenis dum la kongreso. Pluraj kunvenoj okazis sub gvidado de Hartig en printempo en Amsterdam kaj en aŭtuno denove en NL. Evidente la komisiona laboro konsiderinde aktiviĝis kaj la dum jaroj stagninta laboro videble progresas (komp. rap. en IF 3). Same la nombro de kunlaborantoj forte kreskis.
- Fakprelega komisiono sub gvidado de Brandenburg (vidu raportojn en IF 4). Bedaŭrinde ankoraŭ ne ĉiuj landaj asocioj anoncis siajn respondeculojn por tiu komisiono.
- Komisiono Varbado/Informado (gvidas Robiolle). Ampleksa raporto en IF 4. Tiu raporto estas samtempe demandilo servanta por la jarraportoj. Estus vere dezirinde, ke al la laboro de tiu komisiono kreskus utilaj faktoj por la plua evoluo de IFEF.
- Historio-Komisiono (gvidas Giessner) provizore decidis pri kelkaj bazaj faktoj de la planita broŝuro. Intertempe ni sendis novan demandilon al la landaj asocioj por kompletigi la necesajn faktojn laŭ la komisiona laborplano.
- Rezolucio denove estis akceptata. Tradukoj ekzistis en angla, franca kaj germana. Ĝi estas rekte sendita flanke de la vicprezidanto al la fervojaj kompanioj.
- Broŝuro "Intercontainer": Helpe de nia membro mag. Sredić (iama prezidanto de la jugoslavia asocio) la internacia societo "Intercontainer" en Basel (CH) eldonis sian belegan ilustritan broŝuron ankaŭ en la Internacia Lingvo (komp. IF 5, p. 71).

## Rilatoj al orientaj landoj

Bulgario: malfavora, ĉar laŭ registara malpermeso ne plu eblas por la bulgaraj kolegoj esti membroj de IFEF. Ĝisnunaj klopodoj de la estraro i.a. kun subteno de UEA, restis sen rezulto.
Ĉeĥoslovakio: La jarkunveno en septembro elektis inĝ. L. Kovář nova prezidanto de la fervojista sekcio de ĈEA.
La rilatoj al Polio restis sur la sama nivelo, nome nulaj. Kvankam la prezidanto persone en Bydgoszcz (PL) intertraktis la problemojn kun instancoj kompetentaj de Pola Esperanto-Asocio, kaj kvankam oni tie promesis, "baldaŭ" sendi aliĝpeton por novaliĝo de la polaj fervojistoj al IFEF, nenio okazis. Postaj leteroj de la prezidanto estas nerespondita. UEA denove promesis sian helpon.

(daŭrigo sur la apuda paĝo) 

lingve.

## Junularo

Laŭ propono de la malmultnombraj ĉeestantaj gejunuloj la Junulara Sekcio provizore ne plu aktive ekzistas, sed estas reprezentata en la kunsidoj per observanto (prot. en IF 3, okt. 11).

## 29-a Kongreso

Ĝi okazis la 13-an de majo ĝis la 19-a de majo en Swanwick (GB) kun 346 partoprenantoj el 17 landoj. Ne reprezentita estis Rumanio. Protokoloj kaj raportoj aperis en IF 3 kaj 4. Ni substreku jenan:

- tre taŭga kongresejo kun ĉiu kaj ĉio sub unu tegmento;
- altnivela fakprelego, tre interesa pri la cirkuladkontrolo de vagonoj ĉe BR;
- multŝatata instruado flanke de d-rino M. Boulton. Ĝi estis multnombre frekventata;
- 2 valoregaj prelegoj de d-rino Boulton pri la temoj "Zamenhof kaj la fervojo" kaj "la arto insulti";
- elekto de kol. de Sutter (B) kiel ĉefkomitatano;
- belegaj folkloraj prezentaĵoj;
- du fake instruaj ekskursoj al la trammuzeo en Crich, al la fervoja muzeo en York, tria ekskurso al la iama kongresurbo Stoke-on-Trent kun vizito de la fama gastejo "Verda Stelo";
- gazetara servo, kiu kelkfoje informis la kongresanojn;
- kelkfoja ĉeesto de televido en la kongresarangôj.

## Informado

Kiel ĉiam, la membroj de la Honora Patrona Komitato ricevis la "Koncizaj Informoj". Rezolucion vidu sub "Laborplano", same raporton de komisiono V/K.

## Eksteraj rilatoj

**UEA.** La estraro kelkfoje korespondis kun kompetentuloj de UEA pri la evoluado en la orientaj landoj. En la UK Reykjavik okazis IFEF-kontaktkunveno sub gvidado de nia komitatano A, d-ro Phersy (H). Kutima konciza raporto pri IFEF aperis en la UEA-jarlibro, same raporto pri la IFEF-Kongreso en la oficiala organo.

**SAT.** Kvankam la SAT kongreso 1977 okazis en germana urbo Augsburg, la estraro nur sendis skribajn salutojn, ĉar la sekretariino, kiu aliĝis, lastmomente grave malsaniĝis.

**FISAIC.** Estis reprezentata flanke de la britaj fervojoj en Swanwick de la gvidanto de la kultura agado ĉe BR, s-ro Verdon-Smith, grava evento, ĉar ĝis nun la interesiĝo de BR por nia afero estis kvazaŭ nula. Oficiala reprezentanto de la FISAIC-estraro estis nia membro, mag. Nils G. Narvala (FS), kiu ankaŭ transdonis la arĝentan medalon de FISAIC al s-ro Horace Barks.
FISAIC eldonis pro sia 25. ekzisto-jubileo festbroŝuron en franca kaj germana lingvoj. En ĝi ankaŭ la agado de la fervojistoj esperantistaj estas traktita kiel konciza raporto. Bedaŭrinde tiu raporto ne montras la verajn meritojn, kiujn IFEF havas rilate al la evoluo de la FISAIC, ĉar oni ne akceptis la raporton tiel kiel ĝi origine estis verkita.

**Aspekto.** Ĉu fariĝi pesimisma? Ne! Pesimismo neniam estis rimedo por plibonigi malfacilan situacion. Anstataŭ tio ni utiligu nian spiriton por eltrovi vojojn el la sakstrato. Fervojistoj neniam perdas kuraĝon. Tamen antaŭkondiĉo estas la bonvolo de la tuta membraro sur ĉiuj niveloj, kunpensi kaj kunagi por nia komuna celo kaj finfine por ni mem.

Frankfurt/Main, la 28-an de februaro 1978. Elfriede Kruse, sekretariino.

# INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO 1978.

**Skisemajno en neĝabundo.**




La plej alta monto en la germana parto de la Alpoj, Zugspitze (2966 m), ĉi-februare allogis preskaŭ cent IFES-anojn el sep landoj por komuna skiado, kantado kaj agrabla kunesto. La fervoj-sindikata hejmo "Haus Hammersbach" disponigis moderne preskaŭ lukse instalitajn ĉambrojn, bonan nutraĵon, salonojn por vesperaj programoj, keglejon, televidĉambron, hejmecan atmosferon, resume bonajn kondiĉojn. Ĝis la stacio de la montarfervojo "Bayerische Zugspitzbahn", kies direkcio afable konsentis fervojistan rabaton al ĉiuj portantoj de la IFES-insigno, estis nur kelkaj paŝoj, kaj bedaŭrinde oni devis ĉiutage uzi la trajneton, ĉu al la skiejoj, ĉu al la urbo Garmisch-Partenkirchen, ĉu al la montosupro.

Tre variaj estis la vesperaj programoj: interkona vespero, karnavala vespero kun premiado de la plej belaj kostumoj, danc- kaj kantvespero, bavara vespero, lumbildoj kaj filmoj. Aparte menciinda estas la gaja vespero kun skeĉo "Orfeo kaj Eŭridika vizitas nuntempan Parizon", kiun kun preskaŭ profesia perfekteco kaj apenaŭ superebla vervo prezentis dekduo el Parizo.

Grandan intereson trovis ĉe la lingva komencantoj la ĉiutaga E-leciono.

Malgraŭ la ege ŝanĝiĝema vetero realiĝis ne nur ĉiutaga skiado kun instruado por komencantoj — esperantlingve tradukita — sed eĉ por du grupoj migrado gvidata de Fred Gissibl (kiu ankaŭ senlace muzikis vespere) tra la fama ravino "Partnachklamm" kun diverskolore diafanaj glaci-barboj (ĉu eblas diri "glaci-barbaro"?). Tra la rokofendoj penetris fabeleca lumo kaj en la muĝanta rivereto klarakva eĉ trutoj sin montris al atentemaj okuloj.

Kulmino por la vintrosportemuloj estis la premiota skikonkurso, sperte kaj senpage organizita de lokaj skisportistoj fervojistaj. La lingva konkurso malgraŭ pli leĝera sendeviga sistemo ne tute kontentigis kaj la juĝantaro havis tre malfacilan taskon distribui la poentojn juste. Nepre necesas akiri pli da spertoj por tiu konkurso, eble apartigi komencantojn de progresintoj kaj spertuloj.

Dum la lasta vespero la tablo kun premioj similis al grandmagazena montrofenestro kaj la gajnintoj povis hejmenporti krom bela diplomo vere utilajn kaj valorajn objektojn, kiujn disdonis la organizintoj, gesinjoroj Weidacher kaj Ritterspach. La IFEF-premion transdonis Elfriede Kruse al Horst Schikschneit, kiu akiris la plej multajn poentojn en la kombinado de skiad- kaj lingva konkursoj.

Por la venontjara 20a IFES jam komenciĝis la preparlaboroj en Aŭstrio: Maria Alm proksime de Saalfelden vin atendas.

Ritt.

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ĈEĤOSLOVAKIO

**Sukcesa Esperanto-balo en Česká Třebová.**

En amika medio realigis E-balon en urbo Česká Třebová viglaj anoj de loka E-grupo "Amikeco". Preskaŭ dum dudek jaroj de sia ekzisto E-grupo faras bonan propagandan poresperantan laboron kaj multaj civitanoj simpatias kun lokaj Esperantistoj.

En granda salono, ornamita per grandaj eksterlandaj afiŝoj kaj per blazono de IFEF, komenciĝis E-balo per salutvortoj de sekretariino – antaŭe esperantlingve kaj poste ĉeĥe. Poste sekvis antaŭdanco de gejunuloj. Solenan punkton de programo pleĥumis s-ano Slezák, ano de loka E-grupo, kiu kantis esperante unu el siaj komponitaj kantoj. Pura aero en ambaŭ salonoj subtenis bonan humoron; aranĝintoj malpermesis fumadon ĝis la 24a horo.

Ĉirkaŭ 350 gepartoprenantojn amuzis ankaŭ kvar kolegoj-esperantistoj el DDR kaj pluaj gastoj, precipe Esperantistoj, el 20 lokoj de Ĉeĥoslovakio.

Pri sukceso de la E-balo menciis ankaŭ tutŝtataj gazetoj "Laboro" kaj "Libera vorto", kiuj substrekis ankaŭ la signifon de Esperanto kaj ĝian meriton en diversaj progresagadoj, nun ekzemple kontraŭ danĝera fumado. Ankaŭ en du radioelsendoj oni menciis pri la balo kaj finis sian raporton per esperantaj vortoj: venontjare ĝis la revido!

## ITALIO

**Esperanto en la lernejo en Italio**

Nia kursanino Prof-ino Lorena Armaroli, kiu instruas francan lingvon ĉe la Ŝtata mezgrada lernejo "A. Volta" en Bologna, ne nur lernas diligente nian lingvon Esperanton, sed profitas ĉiujn okazojn por disvastigi ĝian lernadon. Nun ŝi instruas en sia lernejo, paralele al la franca lingvo ankaŭ Esperanton al kvindektri gelernantoj. Ŝi sukcesis ricevi flanke de la lernejestrino Prof-ino Rosanna Leproni, kontribuon por aĉeto de objektoj necesaj al instruado de Esperanto kaj krompagon por la horoj kiujn ŝi dediĉas al la instruado de Esperanto.

Tiu ĉi grava atingo igos la lernejon "Alessandro Volta" inter la plej progresintaj de nia lando.



# NOVAĴOJ PRI FERVOJOJ

## AŬSTRALIO

La fervoja kompanio Victoria Railways fariĝis membro de la Unio Internacia de la Fervojoj (UIC). La kompanio funkciigas kun 25.000 fervojistoj jaran transporton de 117.000 000 pasaĝeroj kaj de 11.000.000 tunoj sur reto de 6.658 km.

## BRITIO

La Britaj Fervojoj (BR) reduktis la nombron de siaj duarangaj fervojlinioj. Stariĝis regionaj aŭtobusaj kompanioj. Fervojaj linioj en turistaj regionoj apenaŭ estas likviditaj. La interurbaj rapidtrajnoj (IC) havas ankaŭ sidlokojn de la dua klaso.

## BULGARIO

Ĝis 1980 estos starigata pramŝipa linio por la transporto de frajtvagonoj inter Varna kaj soveta haveno Iliĥersk. La pramŝipoj, longaj 185 m kaj larĝaj 26 m povos transporti maksimume 108 frajtvagonojn.

## ANONCETOJ



**56a GERMANA ESPERANTO-KONGRESO**

Pentekoston, 12.-16.5. 1978 en Augsburg. Ĝenerala kongresa adreso: Hermann Schmid, Alte Reichsstr. 31f, D-8901 Steppach bei Augsburg.
Tel. 0821/488149.
Tel. klubejo 419213.

**L.E.S. 1978**

La 20-a Esperanto Skisemajno organizita de s-ano Joh. Geroldinger, okazis inter la 18-a ĝis 25-a de februaro ĉijare en Werfenweng apud Bischofshofen. Jam dek tagojn antaŭ la komenco de la skisemajno – kiel kutime – ĉiu partoprenanto ricevis 32 paĝan broŝuron pri la aranĝo kun diversaj informoj. Ankaŭ ĉijare la organizinto sukcesis disponigi al la gajnintoj de diversaj konkuroj valorajn kaj belajn pokalojn kaj librojn de gravaj personoj (inter ili multaj ministroj de la respubliko Aŭstrio), medalojn kaj aliajn objektojn.

**S.U.K. 1978 EN LIEĜO.**

Studobjektoj: astronomio, psikologio, internacia literaturo.
Interesiĝantoj povas kontakti la jenan adreson: Someraj Universitataj Kursoj, BP 9, B - 4000 LIEGE X.



**KORESPONDU . . .**
FERVOJISTA KORESPONDA SERVO helpos vin trovi, laŭ viaj deziroj, korespondantojn. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. Skribu al: F.K.S., 76, rue Bataille, 69008 LYON, FRANCIO.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ

| | paĝo |
|---|---|
| La 30a IFEF-Kongreso informas | 15 |
| La programo de la 30a IFEF-Kongreso | 18 |
| Jarraporto de la sekretariejo pri 1977 | 19 |
| Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno 1978 | 22 |
| El niaj landaj sekcioj | 23 |

**La redaktofino por la venonta IF estas 5.6.1978.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.